# HAMBURG Esperanto



**2/1996**

Aprilo/Majo

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

Christophorus-Haus

Römnitz

Bäk

Ratzeburger See

Dom

Domsee

Fußweg

Aus-sichts-turm

Markt

Küchensee

Kleiner Küchensee

Gesamtherstellung: Schönling & Co + Gebrüder Schmidt, Lübeck, Tel. (04 51) 3 12 24

## 1-a Hansa Renkontiĝo en Bäk 19.–21.4.96

## Enhavo



## Tradiciaj festoj de HES

La ***Ovo-kunveno*** estas antaŭ-paska festo, dum kiu ni komune pentras ovojn kaj manĝas ne nur ovojn sed ĝuas malvarman bufedon.
La ***ĉe-Ellen-ir-tago*** estas familiara festo dum *ĉiel-ir-tago*, kies nomo rezultis el kutimo dum multaj jaroj, komune promenadi kaj renkontiĝi en la hejmo de *Ellen Eggers* por kaftrinkado. Thomas Bormann kreis la vortludon *"ĉe-Ellen-ir-tago"*.
Nun la festo okazas en la klubejo.

## Editoraĵoj


**Esperanto Hamburg**
**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)*
*Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*


Ni deziras ĝojan Paskon al ĉiuj membroj kaj amikoj de HES!

La estraro.

**Redaktofino de n-ro 3/1996:**
**11 - 5 - 96**

## Sentenco

**La malbona edukado estas unu el la plej malbonaj aferoj, kaj hodiaŭ estas en modo.**

*Lucia Bosé*

## Se vi volas vojaĝi al Prago,

demandu en nia biblioteko pri libroj, vortaroj kaj fotolibroj (en Germana lingvo).

# Jarĉefkunveno de HES 1996

**Hamburg (ehh). La jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo r. a. okazis la 22an de Februaro 1996, je la 20a horo en la Esperanto-Domo.**

La estraro ĉi-jare iom ŝanĝiĝis: Novaj estranoj estas la Kasisto, *Volker Kraeft* (komercisto, 32 j.) el Bergedorf, kaj la sekrtetariino, *Pia Haasis* (tradukistino, 38 j.) el Fuhlsbüttel. Restis en la estraro: *Benno Klehr* (prezidanto), *Elsbeth Wielgus* (vic-prezidantino) kaj *Hannelore Brunow* (bibliotekistino).
Hamburgan Esperanto-Junularon reprezentos *Kai Pöhlmann*.

*Hella Lanka*, kiu dum multaj jaroj diligente kaj lerte gvidis la kason de HES, daŭrigos sian laboron ĝis Majo 1996, por transdoni la kason en bona ordo post la Hansa Renkontiĝo en *Bäk*, kiun ŝi kunorganizis kun SHELO (Ŝlesvig–Holstinio).
La deziro de la prezidanto, plijunigi la estraron, ne tute efektiviĝis, ĉar por *Elsbeth Wielgus* ne estis trovita anstataŭanto

Nur kelkajn tagojn antaŭ sia 86-a naskiĝdatreveno,

la 19an de Februaro 1996 mortis en Hamburg

## ✝ Josef (Jupp) Kühnel ✝

La entombigo okazis en la tombejo Ohlsdorf kun pli ol 40 ĉeestantoj, el kiuj 10 kondolencantoj estis geesperantistoj, kiuj transdonis floraranĝon kun adiaŭa rubando de HES.
Post la oficiala funebra alparolo parolis d-ro Werner Bormann nome de la Esperantistoj pri la merito de la mortinto kiel tradukisto kaj interpretisto – kaj amiko. La estraro de HES

# GIL zur Terminologiewissenschaft

Die 6. Jahrestagung der **Gesellschaft für Interlinguistik e.V.** (GIL) findet vom 15. bis 17.11.96 im Jagtschloß Glienicke, in Berlin statt.

Das Fachprogramm wird für etwa 40 – 50 Teilnehmer Vorträge zum Rahmenthema ***Terminologiewissenschaftliche Aspekte der Interlinguistik*** bieten.

Teilnehmen können auch interlinguistisch–esperantologisch Interessierte, die nicht Mitglied der GIL sind. Eine rechtzeitige Anmeldung ist erforderlich (Anmeldeschluß 30. Juni 1996).
Interessenten wenden sich an den Vorsitzenden der GIL,
Dr. sc. Detlev Blanke, Otto-Nagel-Straße 110, 12683 Berlin.

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
| 11 | | | | | 12 | | | | 13 |
| 14 | | | 15 | | | | | 16 | |
| 17 | | | | | 18 | | 19 | | 20 |
| 21 | | | | | | | | 22 | |
| 23 | | | | 24 | | 25 | | 26 | |
| 27 | | 28 | | | | | | | |
| 29 | | | | 30 | | | | | |

**Atentu!** Nia Terura Enigmo ne estas laŭ la kutima stilo. Kelkaj priskriboj estas misgvidaj aŭ havas duoblan sencon kaj necesigas strangan asociadon. Kutime la finaĵo de la solvo evidentiĝas el la priskribo. Ekskluzive en *Esperanto Hamburg!* © Benno Klehr 1992

**Horizontale:**

**1** Reganto en matenpreĝo; **5** Simio en Ĝibraltaro; **11** Dronanto eĉ herbon ekkaptas tiel; **12** Nefiniĝanta knabino; **13** Cirile: H; **14** Ŝmiraĵ sur ŝuo; **15** La unua, ne havanta fgepatrojn; **16** Person', serĉinda en tulipo; **17** En tiu land' en 1964 kvin ringoj; **18** Reĝa prun'; **21** Enspezi 5, elspezi 10; **22** Denove sufikse; **23** Bird', ŝatata kun oranĝoj; **24** Grup' de objektoj por manipuli; **26** Mallonga lum' por fari vinon; **27** Mezurebla alteco de klerigo; **29** Tenilo por diskoj aŭ teleroj; **30** Libelo aŭ familian'.

**Vertikale:**

**1** Pensoj sen emoci'; **2** Tia, ke oni ne faru; **3** Kolego faras beston tia; **4** Haremanino; **5** Laŭdire devas esti amara; **6** Granda, sed ne maldolĉa flor'; **7** Falant' ĉiela poste hela; **8** Blindiga psika fenomeno; **9** De iu tre ĉagrena; **10** Tiu faru ĉion; **19** Antaŭ tre longe en Skandinavi'; **20** Pia ĝis la radiko; **21** Tie Germane, certa kvanto, se eblas mezuri; **25** Patro de onklo de kuzo; **27** Platdiĉe al ŝi, eta pecet'; **28** Varsovio 87, Vieno 92 k. c..

# NIA PROGRAMO 2/96

Klubejo malfermita Ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*GIS*: laŭbezone; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08.
*Paroliga Rondo*: Ĉiun Mardon 19:15.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*GIS*: Zusammenkünfte nach Bedarf; Auskunft: Tel (0 40)58 71 82 oder 7 38 45 08.
*Paroliga Rondo*: Dienstags 19:15.

## APRILO

**4** **nia tradicia "Ovokunveno"**

**10** **Homaranisma Rondo (18:30)**

**11** *Hannelore Brunow:* **Klasika Muziko**

**18** *Wolfgang Löbel:* **Literatura Vespero**

**19** **Hansa Renkontiĝo en Bäk:** Interkonatiĝo

**20** **Bäk:** Kunsidoj, Distro

**21** **Bäk:** Diskutrondoj, Ekskurso — adiaŭo

**25** **Raporto pri Bäk**

## MAJO

**2** *Werner Bormann:* **Eŭropa Mono**

**8** **Homaranisma Rondo (18:30)**

**9** **Kunveno de Landa Ligo pri Germana Kongreso**

**16** La tradicia ĉiel-ira festo **Ĉe-Ellen-ir-tago**
**15⁰⁰** Renkontiĝo ĉe **U** *"Horner Rennbahn"*
**16⁰⁰** en la klubejo (p. 7)

**23** *Benno Klehr:* **Lingvaj Ludoj**

**30** **Raporto pri la GEK**

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| K | A | R | A | V | E | L | O | C | I | G | N |
| A | M | A | R | I | L | I | D | O | T | R | E |
| P | A | R | A | Ŝ | U | T | O | L | A | I | K |
| R | E | A | K | I | R | O | P | O | L | M | A |
| I | R | I | I | K | I | M | R | O | I | A | M |
| K | O | N | D | O | T | I | E | R | O | C | I |
| O | S | T | O | R | U | Ŝ | Ĝ | I | G | O | L |
| R | O | R | K | V | A | L | O | N | E | P | O |
| N | L | A | L | I | Z | U | J | O | R | E | V |
| O | O | P | E | R | O | F | A | K | I | R | E |

**Solvo de enigmo 1/96**

## GEFA

*Germana Esperantista Fervojista Asocio* havas **renkontiĝojn** en domo de la Germana Fervojo en Altona, kutime – ne ĉiam – la duan Sabaton monate.
Oni renkontiĝas je la 10a horo antaŭ la "Vojaĝ-Centro" (Reisezentrum) en la fervoja stacio de Hamburg-Altona. Gastoj estas bonvenaj!
Informoj: Klaus Böhnke, Tel. 0451-45326.




## Prezentado de Haringoj Salitaj dum Hansa Renkontiĝo en Bäk

La kabareda grupo de Hamburga Esperanto-Societo, ***Haringoj Salitaj***, Sabaton vespere prezentos kelkajn programerojn dum la distra programo de la *1-a Hansa Renkontiĝo* en Bäk ĉe Ratzeburg (19.–21.4.96).
Poste la grupo planas disvastigi sian programon, por kio ankoraŭ estas serĉataj pliaj aktivuloj, ĉu por aktori, kanti aŭ danci. Demandu en la klubejo pri la venonta kunveno.

---

## Novaj Seminarioj en Hamburg

Ankaŭ ĉi-jare okazos semajnfinaj seminarioj en la Esperanto-Domo, Klaus-Groth-Straße 95.
Ĉiam Sabate 14–17 h kaj Dimanĉe 10–16 h.
Dimanĉe okazos komuna tagmanĝo (inkluziva).

**Dato: 1a kaj 2a de Junio 1996**
**Temo: Komputoroj kaj Esperanto**
— Kiel labori per komputoro por verki Esperantan tekston, per kiu programo ktp. — gvidas Frank Merla — *DM* 60

**Dato: 29a kaj 30a de Junio 1996**
**Temo: Parolturnoj kaj Fakvortoj el ĉiutaga vivo**
— Kiom da scienceco sufiĉas kaj kiom da precizeco necesas en traduko. — gvidas Benno Klehr — *DM* 60

**Se vi havas ideon pri seminario, kiu povus okazi en la domo de HES, bonvolu kontakti la estraron!**

# HEROLDO senkoste!

DE ESPERANTO

## Elekto el pli ol 200 Esperanto-kunvenoj en 1996

La printempa duobla numero de Heroldo enhavas detalan liston de ĉiuj plej gravaj feriaj renkontiĝoj, seminarioj, internaciaj kursoj, kunvenoj kaj kongresoj, kiuj okazas en Esperanto ĉie en la mondo.

**Mendu senpagan provnumeron** ĉe:
***Heroldo de Esperanto***, Via N. Sandre 15, **I**-10078 Venaria Reale, Italio

---

# SEFT 1996
## Somera Esperanto Familia Tendaro
## Somera Esperanto Feria Tendaro

| | |
|---|---|
| tempo: | 7a ĝis 14a de Julio 1996 |
| loko: | tendejo "Zeltplatz am Dreetz-See" Thomsdorf, regiono de urbeto Feldberg |
| kondiĉoj: | memprizorgado (tendo, manĝoj, tendeja programo) |
| SEFT-ideo: | komuna tendumado, uzante la lingvon Esperanto de mateno ĝis nokto. |
| programo: | migrado tra la naturo, ekskursoj, vesperaj kunvenoj, prelegoj, ĉiuvesperaj fabelhoroj ktp.<br>eblas bani sin normale aŭ vestite en la tuta regiono. |
| petoj/ rimarkoj: | preparu prelegojn, prezentojn por la vesperaj programoj, ĉar SEFT nur vivas el la subteno flanke de ĉiu partoprenanto. |
| kostoj: | nur la kotizo de la tendejo |

Pli detalaj informoj haveblas ĉe:

Werner Pfennig
Uns Hüsung 29 / 1104
17034 Neubrandenburg Tel. 03 95 - 42 2 13 98

GIS-Mitglieder treffen sich nach Bedarf zu Arbeitssitzungen.
Gäste herzlich willkommen!

Arbeitskreis

# Humanismus heute

Analysen, Synthesen, Kontakte
(in Deutsch und/oder Esperanto)

Zamenhof entwickelte humanistische Ideale zur Völkerverständigung. Darüber wollen wir diskutieren, aktuelle Bezüge herstellen und Möglichkeiten zur Konfliktbewältigung erarbeiten.

Wir suchen Gedankenaustausch mit engagierten Menschen und Gruppen.

Regelmäßige **Treffen** (Gäste willkommen): am zweiten Mittwoch jeden Monats um 18.30 Uhr im Esperanto-Haus, Klaus-Groth-Staße 95, 20535 Hamburg.

Zusätzliche Veranstaltungen, wie z. B. Vorträge, werden gesondert angekündigt.

**Information:**
B. Schneider/I. Karst, Tel. (040) 58 71 82, oder R. Soiré, Tel. (040) 6 52 65 28.

Hier unser Programm für die kommenden zwei Monate:

Laborrondo

# Homaranismo

Analizoj, sintezoj, kontaktoj
(Germane kaj/aŭ Esperante)

Zamenhof evoluigis humanismajn idealojn por la interkomprenigô de popoloj. Pri tio ni volas diskuti, krei aktualajn rilatojn kaj ellabori ebligojn por la majstrado de konfliktoj.

Ni deziras interŝanĝon de pensoj kun engaĝiĝantaj homoj kaj grupoj.

Regulaj **renkontiĝoj** (gastoj bonvenaj): la duan merkredon de ĉiu monato je 18:30 h en la Esperanto-domo, Klaus-Groth-Straße 95, 20535 Hamburg.

Kromaj okazaĵoj, kiel ekzemple prelegoj, estos aparte anoncitaj.

**Informo:**
B. Schneider/I. Karst, tel. (040) 58 71 82, aŭ R. Soiré, tel. (040) 6 52 65 28.

Jen nia programo por la venontaj du monatoj:

Vortrag am 10.04.96, 19:15 h, (in Deutsch) gehalten von Dr. Bodo Schneider über
*Zamenhofs Deklaration zum Globalen Humanismus (Homanarismo).*
Vortrag am 08.05.96, 19:15 h, (in Deutsch) gehalten von Brigitte Willand über
*Wie Ideen Wirklichkeit werden können - Die Gründung der Friedensuniversität in Berlin 1995.*

---

Die Veranstaltungen finden statt im Esperanto-Haus, Klaus-Groth-Str. 95,
20535 Hamburg (Borgfelde, nahe U-Bahnhof Burgstraße, U 3 und diverse Busse).
**Anmeldung und Auskunft:**
GIS-Sekretariat, Mölenwisch 20 A, 22453 Hamburg, Tel./Fax (040) 58 71 82.